


# PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.

8-a JARO, N-ro 7/8 JULIO-AŬGUSTO 1929

## Tarifo de la abonprezoj.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 3 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉeĥ. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | draĥmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | skud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plej-eble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1.— M por la germ. asocio, kaj 3.— M por Int. Ped. Revuo) al „Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer". Girokasse Leipzig-Leutsch, Girokonto 27.857, membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

**Anglaj kaj francaj gekolegoj atentu!**

Studante viajn lingvojn mi deziras korespondadi pri lingvaj demandoj, enlanda vivo, kulturo, literaturo ktp. Se vi mem ne intencas, bonvolu perigi korespondadon kun eble gestudentoj de germana lingvo. Leteroj estu reciproke korektataj. Mi neprege respondos. Heinr. Dresselhaus, instr., **Dortmund,** Hüttemannstr. 28 I, Germanujo.

## Agentoj de TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En landoj:**

Angla: F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex.

Aŭstra: Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9.

Belga: Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles, poŝtĉ. 124.801.

Bulgara: Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono.

Ĉeĥoslovaka: Albin Neuzil, lernejestro Olomouc-Neredin.

Dana: La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkto. 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago.

Estona: Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn.

Franca: M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret.

Germana: Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer. ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857.

Greka: D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno.

Hispana: Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona.

Hungara: Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag--utca 9.

Japana: Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1.

Java: K. Wirjosaksono, Klaten.

Jugoslava: Svetislav S. Petroviĉ, PIROT, Novosadska 17, Jugoslavio.

Latva: S-ino O. Juŝen, Riga, Ernestines iela 7 dz. 11.

Litova: A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda.

Nederlanda: P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR).

Pola: K. Majorkiewicz, Czersk-Pom., poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan).

Rusa: Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo.

Sveda: Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6 Stockholm, poŝtĝiro 50 304.

Svisa: S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Ĝenevo.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

8-a jaro. Numero 7/8
Julio-Aŭgusto 1929

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

**Redaktejo: D-ro KURT RIEDEL, Am Fuchsberg 2, Dresden A 20, Leubnitz-Neuostra.**
**Sekretariejo de TAGE: M. GOLDBERG, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig, Germ.**
**Administrejo: KARL KRÖBER, Weststrasse 4, Riesa a. d. Elbe, Germanujo,**
**Poŝtĉekkonto Dresden 110715.**



## Voĉoj de l' homaro.

### La lingvo de la pacifismo.

„Hodiaŭ la pacifismo kaj la internaciismo ne plu estas nuraj ideoj; ili esprimas elementajn realaĵojn, kiuj ĉiutage pli kaj pli evidentiĝas, malgraŭ ĉia nacia diverseco kaj malgraŭ ĉiaj ekonomiaj kaj politikaj antagonismoj.

La iloj de paca kaj internacia progresado konservas sian komencan pravecon, eĉ se oni uzas ilin kelkfoje por militaj celoj. La telegrafo restas mirinda eltrovaĵo; ĝi helpas al la homoj interkomuniki, kiam ajn kaj kie ajn: la planedo estos baldaŭ vasta ĉambro, kie la plej malsamaj voĉoj sin krozos en tutkora kompreno. La flugmaŝino jam nun helpas al la forigo de la landlimoj. Ĝi estas, eble, la lasta ŝtupo de la interkomunika progresado. Oni asertis, ke la graveco de la ŝtatoj estas en rekta interligo kun la progreso de la interkomunikado. La malgrandaj ŝtatoj de l' Mezepoko havis siajn poŝtveturilojn, kiuj trakuris 200 kilometrojn tage; kaj Usono tiam formiĝis, kiam la vagonaro povis trakuri en unu tago la distancon inter la Atlantika kaj Pacifika Oceanoj; la unika universala ŝtato efektiviĝos tiam, kiam la aeroplano rondiros la terglobon en du tagoj.

La teknika progreso signifas ankaŭ progreson de la paco kaj de la internaciismo. La ekonomiaj interesoj ne plu povas esti lokalizataj. La petrolo el Baku estas petata en Anglujo, la rizo el Indoĉinujo estas petata en Parizo, la motoroj el Germanujo ĝuas serĉatecon en la Balkano, — kaj ĉie oni ŝatas la amerikanan krediton. Super la naciistaj baraktadoj estas la ŝtala

kaj ora mano de la internaciaj industrio kaj financoj. Super la ŝovinista konkurenco estas la egala intereso de la popoloj, interŝanĝi siajn produktaĵojn, estigante tiamaniere ekvilibron en komunumo ankoraŭ ne oficiala. La »Ligo de la Nacioj« estas institucio arbitra kaj lameca; ĝi devas esti l' embrio de la estonta tutmonda federacio de la liberaj popoloj.

Oni bezonas kiom eble plej multajn ilojn de paca internaciigo. Ili naskiĝas el la pligrandiĝantaj bezonoj de la popoloj. Post la ekonomia kaj teknika faktoroj la **lingva** faktoro evidentiĝas nun kiel pozitiva ilo de la progreso."

(El „La Humanitaristaj Principoj kaj La Internacio de la Intelektuloj" de Eugen Relgis, Antverpeno 1928, presita kaj mendebla ĉe Belga Esperanto-Instituto.)

---

# Kiom partoj de propozicio estas en Esperanto.

D-ro Kurt Riedel.

Kiam instruisto de l' gramatiko ŝarĝas per malnecesaj aŭ eĉ sensencaj reguloj la memoron de siaj lernuloj, tiam li estas same malprudenta, kiel kaporalo, kiu devigas siajn rekrutojn, balaadi ĉambron per dentobrosoj. Ĉio, kion lernanto ne povas klare ekkoni en la Esperanto-gramatiko, havas nenian pedagogian valoron. Certe, hodiaŭ estas la ĉefafero ankoraŭ, ke kiel eble plej multaj plenaĝuloj lernas la internacian helplingvon. Tiun ĉi taskon oni povas kompari kun forigo de l' analfabeteco. Ĉe tio estas la sola celo, kapabligi malliterulojn, ke ili kiel eble plej rapide scipovu legi kaj skribi. El la vidpunkto de pedagogo la plej mallonga vojo montriĝas ne absolute la plej taŭga. Vera pedagogo preferas pli certan vojon al pli mallonga; li opinias plej bona tian vojon, sur kia liaj geknaboj povos ankaŭ sole progresi okaze de neceso.

Do ne sufiĉas, fari tra la densega praarbaro de lingvo mallarĝan vojeton, kiu baldaŭ estos rekovrata per arbetaĵaro. Ni trabatu al la junularo larĝan vojon tra la gramatiko; ni starigu solidajn vojmontrilojn ĉe ĉiu vojkruciĝo; kie la vojo iras tra malhelaĵo, tie ni lumigu ĝin.

En la lasta numero mi respondis la demandon: Kiom vortklasoj estas en Esperanto? Nun mi volas demandi: Kiom partoj de propozicio estas en Esperanto? En la kampo de l' vortklasoj mi starigis la limŝtonojn de l' homa pensado, la ĉefajn kategoriojn: unuo, ŝanĝo, karaktero, rilato. En la regiono de l' frazfarado lumu la **demandaj vortoj;** ili lumradias en lingvo kiel diamantoj. Estas rimarkinde, ke la demandvortetoj komenciĝas per aparta sono, ekz. Esperante per k-, germane per w-. Plu estas notinde, ke la finiĝo de demandvorteto multkaze akordas kun certaj finiĝoj de la respondvortoj, ekz. Esperante: ki**en**? — antaŭ**en**; ki**on**? — vin**on**. La lingvopovo de la homo pratempe antaŭformadis nekonscie per la aro de la demandvortoj la sintakson; la gramatikisto diferencigu ne pli multajn propozicipartojn, ol la demandaro enhavas malsamajn demandoformojn.

La gramatikistoj ne konsentas rilate al la demandaĵo: Ĉu oni devas diferencigi en frazoj **kun** parto respondanta je ia demando k i o n? (k i u n?) **tri** ĉefpartojn aŭ nur **du,** kiel en frazoj **sen** tia parto (t. e. en frazoj per ne-

# La demandoj je la partoj de laŭdemandare disigata frazo.

**La demandoj je la tri ĉefpartoj de propozicio.**

| je la unuo en la gramatika subjekto | je la ŝanĝo (aŭ stato) en gramat. predikato | | je la unuo en la gramat. objekto |
|---|---|---|---|
| kio?<br>kiu? | kio okazis (kun ●)?<br>kio estas ●? | kion faris ●?<br>kia estas ●? | kion?<br>kiun? |

**La demandoj je karaktero de unuo kaj je la modifo al ŝanĝo (aŭ stato).**

| | | | |
|---|---|---|---|
| kiu(j) ●<br>kia(j) ● | kia ● estas ●? | kiel, kie, kien, kiam, kial<br>kial, kiom, (kies)? | kiu(j)n ● -n<br>kia(j)n ● -n |

**La tri ĉefpartoj kaj ties subpartoj en laŭdemandare disigata propozicio.**

A) Kompletaj propozicioj

| La unua takto | | | La dua takto | | | | La tria takto | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| gramatika subjekto | karakterigo | | gramatika predikato | modifo | | | gramatika objekto | karakterigo | |
| | unuagrada | duagrada | | alverbo | alverbego | karakterigo | | unuagrada | duagrada |
| 1. | | | Atentu! | | | | | | |
| 2. | | | Decas diri$_8$ | ne$_1$ | | | ĉian ajn veron$_2$ | | |
| 3. La lukto | por subteno | de l' ekzisto | estas natura neceso | | por la bestoj. | de homo. | | | |
| 4 Nenio | | | estas perfekta | | en la vivo | | | | |
| 5. Ĉio saĝa$_1$ | | | estis$_2$ pensata$_4$ | jam$_3$ | | | | | |
| 6. oni | | | devas$_6$ provi$_8$ pensi$_9$ | nur$_7$ refoje$_{11}$ | | | ĝin$_{10}$ | | |
| 7. Nenio$_1$ | | | ŝajnas$_2$ reforminda$_5$ | pli$_4$ | al ni$_3$ | | | | |
| ol la moroj$_6$ | de aliaj homoj$_7$ | | | | | | | | |
| 8. Tro saĝaj ho- | | | nomas superstiĉo | | | | la restaĵojn | de religio | de l' pra- |
| 9. Kelko [moj | da fiŝoj$_1$ | | povis$_2$ esti vendata$_5$ | ne$_4$ | lastan jaron$_3$ | | | | patroj. |
| | | | Estas$_1$ | tre multe$_2$ | da manĝaĵo$_3$ | | | | |
| 10. vi$_5$ | | | deziras$_6$ | kiom$_4$ | | | | | |
| 11. La maro | | | enhavas | | | | multegon | da fiŝoj. | |
| 12. Suno kaj aero | | | estas | nenies. | | | | | |

● = substantivo.

| Unua takto | |
|---|---|
| Gramatika subjekto | Gramatika predikato |
| 1. | Estas devo 1 |
| | servi 3 |
| (**Kio** | estas devo |
| 2. La kuracisto | konsilis |
| | iri |
| (la kuracisto | konsilis |
| 3. provoj 4, | estis farataj 3 |
| | krei 5 |
| (**Kiaj** provoj | estis farataj |
| 4. Vi | havas |
| | pruvi |
| (mi 2 | havu 3 |
| 5. | Lasu |
| | iri |
| (mi 2 | lasu 3 |
| 6. Eĉ guto malgranda 1, | traboras 4 |
| | frapante 2 |
| (guto malgranda 2 | traboras 3 |
| 7. Saĝulo | estas singarda, |
| | elektante |
| (saĝulo 2 | estas singarda 3 |
| 8. Hundo 1, | restos malsata 4 |
| (li) | (estas) gardanta 2 |
| (**Kia** hundo | restos malsata |
| 9. Mi | vidis |
| | flugantan |
| (kiu | estis fluganta |
| mi | volis vidi surteriĝanta |
| (vi 2 | vidis 3 |
| 10. Raketo 1 | moviĝas 2 |
| (kiu) | (estas) puŝanta 5 |
| (raketo 3 | moviĝas 2 |
| 11. Du arboj 1 | estas videblaj 5 |
| unu 3 | (estas) starantaj 2 |
| (la du arboj 3 | estas 2 **Kiaj** 1 |
| Mi 1 | vidas 2 |
| unu 6 | (estas) starantaj 5 |
| 12. Ĉiuj esperantistoj 1 | marŝu 2 |
| | (havante) |
| (ĉiuj esperantistoj 2 | marŝu 3 |

Duonpropozicioj.

| Dua takto | | Tria takto | |
|---|---|---|---|
| **Alverbo** | **Alverbego** | **Gramatika objekto** | |
| | de ĉiu vera homo [2], | | |
| | al la homaro [4] | | |
| | de ĉiu vera homo | | ?) |
| | al mi, | | |
| | en ŝvitbanejon | | |
| | al vi | **Kion** | ?) |
| Jam [1] | de (antaŭ) 200 jaroj [2] | | |
| | | lingvon internacian [6] | |
| jam | de antaŭ 200 jaroj | | ?) |
| | | la devon. | |
| | | vian aserton | |
| | | **Kian** devon [1] | ?) |
| | | min | |
| | | mian vojon! | |
| | **Je kio** [1] | vin [4] | ?) |
| | | la monton granitan [5]. | |
| konstante [3] | | | |
| **Kiamaniere** [1] | | la monton granitan [4], | ?) |
| | | amikojn | |
| | **Ĉe kio** [1] | | ?) |
| | | du pordojn [3] | |
| | | | ?) |
| | | aeroplanon, | |
| | super nia urbo | | |
| | super nia urbo | | |
| | | ĝin. | |
| | | **Kian** aeroplanon [1] | ?) |
| | per [3] forto | | |
| | | ĝin [4]. | |
| | **per kia** forto [1] | | ?) |
| | ĉe la horizonto [6] | | |
| | apud la alia [4] | | |
| | ĉe la horizonto [4] | | ?) |
| tie [3] | | du arbojn [4], | |
| | apud la alia [7]. | | |
| antaŭen [3] | | | |
| | ĉe flanko [5] | flankon [4]. | |
| **Kiel** [1] **antaŭen** [4] | | | ?) |

transitiva verbo). La problemo, ĉu gramatika objekto estas ero de predikata parto aŭ egalranga kun subjekto kaj predikato, povas esti solvata nur rilate al unuopa lingvo, ne ĝenerale. Kiam ni atentas la diversecon de la eblaj formoj, en kiuj ni demandas je la ĉefpartoj de propozicio, tiam estas certe, ke en Esperanto la gramatika objekto devas esti konsiderata la tria ĉefparto krom la gramatikaj subjekto kaj predikato; ĉar ni demandas je la deklinaciebla vorto (aŭ vortgrupo) en la gramatika subjekto per kio? (kiu?), je la deklinaciita vorto (aŭ vortgrupo) en la gramatika objekto per kion? (kiun?); ne kompreninte la gramatikan predikaton, ni demandas ĝenerale: Kio okazis . . . ? Kion faras . . . ? Kio estas . . . ? Kia estas . . . ? aŭ simile.

Kiam oni komprenis ne tute la karakteron, kiu pli detale esprimas **unuon,** tiam oni demandis ĉe unuo en la gramatika subjekto: Kiu(j) s ?*) aŭ Kia(j) s ?, ĉe unuo en la gramatika objekto: Kiu(j)n s-n? aŭ Kia(j)n s-n? Ne kompreninte pli detalan esprimon de **ŝanĝo** (aŭ stato), oni demandas laŭ la konjektata senco per kiel, kie, kien, kial, kiam, kiom, (kelkfoje ankaŭ per kies, ekz.: La suno estas nenies) aŭ per **prepozicio** kun kio (n) aŭ kiu (n). Respondon je tia demando mi volas nomi modifo, aludante la sencon de l' vorto „modo". Kiel modifo povas funkcii senfleksia vorto („alverbo"), kuniĝo el prepozicio kaj deklinaciebla vorto („alverbego") aŭ kuniĝo el alverbo kaj alverbego. Je la demandoj: kien, kiam, kiom respondas kelkfoje deklinaciita vorto (aŭ vortgrupo) per -n (t. e. akuzativo) sen prepozicio; kiu scias, ke je la objekto per kion (kiun) estas demandata, tiu ne opinias objekto tian alverbegon.

Ĉiu unuo-vorto, kie ajn ĝi troviĝas en frazo, povas esti karakterizata dumaniere: aŭ per **karaktero-vorto** (t. e. vorto per -a) aŭ per kuniĝo el prepozicio kaj deklinaciebla vorto („**karakterigo**"). Kiam oni ankaŭ karakterigas ankoraŭ la unuo-vorton en la karakterigo, tiam ekzistas en la frazo **duagrada** karakterigo. Pluagradaj karakterigoj malgraciigas la stilon.

Prof. E. Grosjean-Maupin rekomendas bedaŭrinde ankaŭ la senprepozician formon per -n, por formi karakterigon. En prospekto de sia „Plena vortaro de Esperanto" li skribas ekz. „La invadado romanan imperion de barbaroj havis grandajn sekvojn" kaj aldiras: „Tia uzado de akuz. post subst. estas precipe utila por eviti la dubesencecon de la prep. De." Tia uzado de la formo per -n estas kontraŭregula; ĉar, ne tute kompreninte la vortojn „romanan imperion" en la supredirita ekzemplo, oni ja demandas: **kiu** invadado havis grandajn sekvojn? Do — oni demandus per vorto sen -n kaj ricevus respondon en tute alia formo.

La jenaj ekzemploj montru, ke oni povas analizi ĉiun frazon sufiĉe detale per la „tabelaj" demandvortoj. Demandante speciale je ero de propoziciparto, oni ricevas nenian novan propoziciparton, sed ekkonas rilate al formo nur la vortklason, al kiu la responda vorto apartenas. En la jena ekzemplaro ĉiu frazo, kiu enhavas verbformon per -u aŭ -s, estas nomata **kompleta** propozicio, ĉiuj propozicioj, al kiuj mankas aŭ la subjekta parto aŭ predikata parto aŭ ambaŭ, estas nomataj **duonaj** propozicioj. La demandvorto, per kiu

---

*) s signifas iun ajn substantivon.

oni demandas je la tuta enhavo de duona propozicio, aludas al la propoziciparto, kiun la duonpropozicio anstataŭas.

Aludante la signifon de la greka vorto **sintakso** (t. e. kuntaktigo), mi nomas la tri ĉefpartojn de propozicio la unua, dua kaj tria **taktoj**. En Esperanto la sinsekvo de la tri taktoj ne estas deviga, sed interne de takto la karakterigo devas **sekvi** la unuon, kiun ĝi karakterizas. (Jene la malgrandaj ciferoj malantaŭ vorto aŭ vortgrupo indikas la stilistan lokon de frazpartero.)

La jena listo montru, kiuj vortklasoj kaj kiuj propozicipartoj estas en Esperanto:

| vortklasoj | funkcioj de la rilatovorto en vortgrupoj | propozicipartoj | | |
|---|---|---|---|---|
| | | ĉefaj partoj | subaj partoj | |
| unuovorto (substantivo k. pronomo) | | subjekta parto (unua takto) | gram. subjekto<br>subj. karakterigo | karakterigo (pluagrada) |
| ŝanĝovorto | | predikata parto (dua takto) | gram. predikato<br>modifo | |
| karakterovorto | | | | |
| rilatovorto | alvorto<br>prepozicio<br>konjunkcio | objekta parto (tria takto) | alverbo alverbego<br>gram. objekto<br>obj. karakterigo | karakterigo<br><br>karakterigo (pluagrada) |

# IALA.

(Martha Moelke, sekretariino de „Kunlaborado".)

Antaŭ kelka tempo aperis presita la raporto pri la „annual meeting" (jara kunveno) de I A L A, New York:

**„Annual Meeting"**
January 7, 1929
Report of Executive Secretary for 1928
Reports of Chairmen of Committees
Remarks of Representatives of Research Boards".

Ĝi okazis la 7. I. 1929 en la domo de gesinjoroj Morris en New York.

La detala raporto montras, kiom multspecaj estis la taskoj de I A L A en la pasinta jaro 1928, kiom preciza kaj multampleksa estas ĝia laborplano, kaj kiom grava estas la membraro de ĉi tiu asocio, kiu dediĉas siajn fortojn al la objektiva kaj neŭtrala esploro de la mondhelplingva ideo rilate ĉiujn unuopajn demandojn, kiuj estas en konekso kun ĉi tiu demando.

Ĉar mi scias, ke la legantaro de IPR komprenas la gravecon de la I A L A-laboro, mi supozas, ke ĝi ankaŭ deziras aŭdi ion pri la nomita jara kunveno. Pro tio mi donu mallongan ekstrakton el la citita broŝuro, kiu cetere enhavas

kelkajn partojn, kiuj havos specialan intereson por nia legantaro. —

La kunvenon prezidis s-ro generalo John J. Carty, la vicprezidanto de la amerika telefon- kaj telegrafkompanio. Post liaj salutaj vortoj la sekretario, s-ro Herbert N. Shenton, donas raporton pri la progresoj dum la jaro 1928. Laŭ ĝi la tuta laboro de IALA estas dividita inter diversaj komitatoj:

CSR = „Committee on Sociological Research“, kiu okupas sin pri sociologiaj kaj praktikaj esploroj (direktanto: d-ro Herbert N. Shenton).

CCSR = „Committee on Cooperative Service and Research“, kiu okupas sin pri la lingvaj esploroj ĝeneralaj (prezidantino: s-ino Dave H. [Alice V.] Morris; vicprezidanto: prof-ro A. Asakawa).

CALS = „Committee on Auxiliary Language Study“, kiu speciale studadas la mondhelplingvan demandon (prezidanto: d-ro Stephan P. Duggan).

DIS = „The Division of Interest and Support“, komitato en preparo, por direkti la tuton kaj eduki la publikan opinion por la mondhelplingva ideo.

Apud ili laboras:

specialaj „Technical Boards, and Regional Boards“ (teknikaj kaj regionaj komitatoj), kiaj jam estas fonditaj en Washington kaj Boston (kaj specialaj „konsultantoj“).

*

La raporto detale klarigas la diversajn taskojn de laboro jam faritajn kaj ankoraŭ farotajn. Ni aŭdas el ĝi, ke kun IALA laboras i. a.: „The Institute of Educational Research of Teachers' College“ sub la gvidado de d-ro Edward L. Thorndike de la Columbia Universitato kaj d-ro Laura Kennon; ni aŭdas pri la laboroj sur la bazo de testoj ktp. Por faciligi la laboron de ĉi tiu komitato rilate diversajn eksperimentojn, fraŭlino Eaton verkis „a text-book for General Language based on Esperanto“. —

La sekretarian raporton sekvas la speciala raporto de s-ro Dave H. Morris pri „Division of Interest and Support“ kaj la jara raporto pri CALS, farita de s-ro d-ro Stephen P. Duggan, direktoro de l' Instituto por Internacia Edukado. El ĝi ni spertas, ke famaj scienculoj partoprenas ĝian laboron, ekz. krom la cititaj: prof-ro Albert L. Guérard de la Leland Stanford Universitato, prof-ro Fife, Columbia, kiel prezidanto de komitato por studo de modernaj fremdaj lingvoj, prof-ro Henmon de la Wisconsin Universitato, dekano Holmes de la Harvard Universitato, prof-ro Henry Clinton Morrison de la Universitato de Chicago ktp. En ĉi tiu raporto estas menciitaj ankaŭ la „Kunlaborado“ kun la Institut J. J. Rousseau, (prof-ro d-ro P. Bovet) kaj la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko, Leipzig (prof-ro d-ro Dietterle) kaj la statistikaj rezultatoj de „Kunlaborado“, pri kiuj oni jam legis en IPR.

*

D-ro Edward L. Thorndike de la Columbia Universitato aldonas siajn rimarkigojn kiel direktoro de la psikologia fako; i. a. li diras:

— „Mi opinias, ke ni ambaŭ, d-ro Kennon kaj mi, de jaro al jaro estas pli konvinkataj pri tio, ke ni progresas kun ĉi tiu laboro — estas jam 3 jaroj — ke la sociaj instrumentoj kiel ekz. la lingvo — kian ajn sukceson havos niaj modestaj klopodoj! — estas same indaj estu esplorataj kiel la fizikaj instrumentoj de interkomunikiĝo, kiel la telefono aŭ la telegrafo . . ."

. . . . . .

„Kvankam mi esperas, ke la ĉi tieaj »fondintoj« vivos ĝis la momento, kiam ili povos vidi la internacian lingvon disvastigita super la tuta terglobo, mi sentas, ke ankaŭ se tio ne okazos enorma trezoro da bono estos gajnita, se oni altrudas al ĉiuj homoj la taskon nobligi sin mem, farante siajn instrumentojn de interkomunikiĝo kaj pensado iom pli bonaj, iom pli uzeblaj, iom pli utilaj. Mi opinias, ke — se ili iam komprenos, ke la lingva problemo estas io, kio povas esti komprenata kaj farata pli prilaborebla kaj pli uzebla — tiam ili inklinos kaj al pli libervola kunlaboro kun la helpaj lingvoj kaj al pli libervola kunlaboro por ĉiuj specoj de tiaj bonaj aferoj." —

Sekvas la jara raporto por CCSR (kiu la 28.—30. de Marto 1928 havis tritagan konferencon), farita de ĝia prezidantino, s-ino Alice V. Morris. Ŝi raportas pri la Interreligia Packonferenco en The Hague kaj pri sia partopreno al la Universala Esperanto-Kongreso en Antverpeno, pri siaj personaj laboroj kun prof-ro d-ro Collinson, Liverpool, kun kiu ŝi detale en Londono priparolis la planon pri „Gramatiko de Pensado". Cetere ŝi dum 3 monatoj en New York kaj Chicago laboris kun d-ro Collinson kaj d-ro Edward Sapir, profesoro de la Universitato Chicago. Ŝi finas per la vortoj:

„La lingvaj esploroj de I A L A ofte enhavas specialan (aŭ ĉu mi diru ĝojigan?) pruvon de la vero de la eldiro de Thoreau: »La lingvo estas la plej perfekta artaĵo en la mondo. La ĉizilo de jarmiloj retuŝadas ĝin.« — Ĉu ni ne povas pensi pri konstruita lingvo kiel pri artaĵo progresiganta unu paŝon pli antaŭen en la rivero de cirkonstancoj kaj spertoj, en kiu evoluiĝis ĉiuj lingvoj, paŝon same naturan kaj neeviteblan kiel antaŭaj paŝoj kaj diferenca de ili nur rilate tion, ke ĝi estas farita konscie kaj pli rapide? Pro tio I A L A speciale bonvenigas ambaŭ (s-ino Morris ĉi tie aludas la ĉeestantajn profesorojn Collinson kaj Sapir), kiuj dum la venontaj monatoj volas kunligi sian arton kun »la ĉizilo de jarmiloj«." —

La du scienculoj, kun kiuj s-ino Alice V. Morris laboris speciale dum la lasta tempo, je la fino de la kunveno ambaŭ raportas pri siaj impresoj kaj spertoj. D-ro Collinson ja jam estas konata al nia legantaro kiel esperantisto kaj kunlaboranto de nia gazeto. Pro tio mi ne citu liajn vortojn, kiuj komprenèble estas tre favoraj por nia afero. (Cetere en la n-ro 21 de la jaro 1929 en „Heroldo de Esperanto" troviĝas artikolo pri intervjuo kun prof-ro Collinson, en kiu ĉi tiu raportas pri la komuna laboro kun s-ino Aliĉe V. Morris.) Sed mi permesas al mi, citi laŭvorte tutan parton el la parolado de prof-ro Sapir, kiu ankoraŭ antaŭ kelkaj jaroj estis kontraŭulo de la mondhelplingva ideo kaj intertempe ŝanĝis sian opinion en tre rimarkinda maniero. Li diras:

— „Mi ne scias, al kiu direkto la prezidanto volas instigi min; li ja aludis multon. Sed mi elektos iom libervole la direkton de interesita »outsider« (eksterulo), kiu esperas, fariĝi interesita »insider« (interesulo) rilate la demandon de esploro de internacia lingvo. Mi diris »outsider«, ĉar mi kiel la plej multaj lingvistoj de pli aŭ malpli ortodoksa konvinko, pli aŭ malpli estis

inklina, la laboron rilate helplingvon — aŭ pli bone dirite — la laboron rilate internacian helplingvon rigardi kiel ion, kio intencas forigi la naturajn lingvojn, sed mi rapidas aldoni, ke mi elfundamente ŝanĝis mian opinion rilate tiun aferon.

„Kio estas la kaŭzo, ke la lingvistoj tiel hezitas, dediĉi sin mem al la laboro por internacia helplingvo? Miaopinie ekzistas tre multaj kaŭzoj, pro kiuj ili devus aplaŭdi tian specon da laboro. Cetere la ideo de internacia lingvo ne estas nova. Dum la mezepoko kaj dum la komencanta moderna tempo la latina lingvo por ĉiuj intencoj kaj celoj estis la internacia lingvo de pensado, kaj ankoraŭ ekzistas kelkiuj, kiuj deziras, revivigi la uzadon de l' Latino en ĉi tiu senco. Mi riskas esprimi la supozon, ke la kialo, pro kiu internacia lingvo hodiaŭ ŝajnas al multaj lingvistoj tiel nediskutebla, ne baziĝas sur tio, ke ĝi estas io relative nova en la historio de l' pensado. Ilia indiferenteco ŝajnas multe pli baziĝi sur diversaj specoj de romantikaj vidpunktoj, kiuj ekestis ĉirkaŭ la fino de l' 18. kaj la komenco de l' 19. jarcentoj, — kaj rilate ĉi tiun punkton ni eble pli malprogresis ol progresis. Oni rigardis lingvon kiel ion similan al arbo, kiu kreskas sen helpo de homoj, kaj kiu ne povas esti kulturata, se oni ne volas malhelpi ĝian kreskadon. Tio estis tre interesa metaforo, sed mi opinias, ke ni nun devas pagi punmonon per la malfacileco, kiu ekestas, se ni volas konvinki aliajn personojn, ke internacia lingvo povas esti konstruata. Ĉiukaze mi mem treege estis sub la influo de ĉi tiu maltrafa metaforo kaj mi nun klopodas, liberigi min de ĝi.

„Ŝajnas al mi, ke la entuziasmuloj por internacia lingvo estas pravaj, kiam ili akcentas unu punkton, nome tiun, ke ili batalas por la **helpa** karaktero de la lingvo. Tio devus senvalorigi la kontraŭajn argumentojn. Helpa lingvo tute ne postulas superecon super aliaj lingvoj kaj tute ne volas detronigi aliajn lingvojn pro sia simpleco aŭ iu ajn alia kialo.

„Nu, estas tre interese, noti ke en la modernaj psikologio kaj filozofio la demando pri lingvo fariĝis pli grava, ol iam antaŭe. Alivorte, la filozofo estas devigita pli severe, ol iam antaŭe, esplori la instrumenton, kiun li uzas. Evidente li neniam faris tion en sufiĉa grado." —

*

La raporto pri la jara kunveno finiĝas per la raporto de s-ro Herbert N. Shenton pri CSR. Bedaŭrinde mi ne povas priparoli la tutan raporton pli detale, sed mi esperas, ke jam mia mallonga ekstrakto el ĝi donos al nia IPR-legantaro tri gravajn impresojn:

I A L A laboras laŭ tute klaraj kaj celkonsciaj planoj —

Ĝia admirinda, diligenta, energia laboro devas fariĝi modela ankaŭ por la laboro de la esperantistaro, kiu neniam sukcesos, se ĝi ne estos simile fundamentita sur detalaj sciencaj laboroj kaj esploroj kaj i. a. ankaŭ precipe sur precizaj statistikaj rezultatoj —

Ni, esperantistoj, kaj speciale nia tutmonda kolegaro, devas esti tre dankaj al I A L A pro ĝiaj esploroj kaj pro ĝia intereso por la mondhelplingvo, kaj ni devas fari ĉion, por subteni ĝin per nia laboro!

---

# Esperanto en Pedagogiaj Kongresoj?

IPR de la unua kajero 1929 ĝis la hodiaŭa detale kaj regule informis sian legantaron pri la rolo, kiun povos havi Esperanto en la grandaj internaciaj pedagogiaj kongresoj de Ĝenevo kaj Helsingör. Kaj niaj legantoj klare ekkonos la gravecon de la nuna situacio kaj la bonŝancojn por Esperanto. Mi eĉ pretendas nomi tiun situacion, kiam pedagogiaj internaciaj kongresoj provas kaj deziras uzi Esperanton, **historia momento** por la Esperanto-movado.

La tasko de la Esperantistoj, speciale de la instruistoj, en tiu historia momento ne estas, stari malproksime en Budapest (UEA-kongreso) aŭ en Leipzig (SAT-kongreso) kaj konfidi al la hazardo la evoluon de nia afero en la pedagogiaj rondoj. Se ni kondutas tiel, ni pruvas, ke ni bonege povas skribi en niaj gazetoj propagando-frazojn pri la neceseco de Esperanto por internaciaj kongresoj, sed ne estas maturaj, kompreni aŭ eĉ plenumi la postulojn de la nuna situacio: Helpi per plej vigla praktika kunlaboro en diskutado kaj tradukado, ke la kongresoj efektivigas la intencatan uzon de Esperanto.

Antaŭ du jaroj TAGE ricevis riproĉojn, kiam ni proklamis la intencon, kongresi kun pedagogiaj asocioj kaj ne kun UEA. Hodiaŭ ICK alvokas la instruistojn, partopreni la kongresojn en Ĝenevo aŭ Helsingör, rezignante ilian partoprenon en Budapest. Hereze mi eĉ opinias, ke la Esperantistoj (SAT kaj UEA) atentu por siaj jarkongresoj la kongresojn de internaciaj fakaj aŭ politikaj aŭ sindikataj — ne nur pedagogiaj — asocioj. Kiel demonstrativan ekzemplon mi mencias la kongreson de la Internacia Socialista Junularo en Wien, kiu projektas internacian manifestacion por Esperanto.

Oni kontraŭdiris al niaj klopodoj por Helsingör kaj Ĝenevo: „Jam sufiĉe multaj asocioj rezoluciis por Esperanto. Kio estas la efiko de tiuj rezolucioj? Ni ne bezonas pluajn.“ En Helsingör kaj Ĝenevo ni ne volas kunlabori por atingi iun rezolucion por Esperanto, sed por helpi jam apliki ĝin en tradukoj kaj paroladoj. Se en unu aŭ ambaŭ kongresoj sufiĉe multaj Esperantistoj kun sukceso efektivigos tiun aplikon de Esperanto, oni ne rezolucios por Esperanto, sed decidos, apliki ĝin ankaŭ en la venontaj kongresoj. Kaj iom post iom la kongresoj okazos tute en Esperanto.

Ĉu tiu mia kalkulo estas iluzia, utopia?

Ĉu la propagandistoj dum multaj jaroj povos atingi aŭ esperi iun pli grandan aŭ nur similan decidan sukceson en la Esperanto-movado?

Bonaj spertoj en la kongresoj Ĝenevo kaj Helsingör ankaŭ efikos en la aliaj instruistaj internaciaj asocioj: Internacio de Eduklaboristoj kaj Federacio Internacia de Asocioj Instruistaj. Kiu konas la indiferentecon, la mokadon kaj eĉ la antipation de instruistoj kontraŭ la Esperanto-movado, konsideros tre necesa kaj valora la aplikon de Esperanto en fakkongresoj de internaciaj instruistaj asocioj.

Sed tiu apliko nur okazos kaj funkcios kun sukceso, se ni Esperantistoj kunagas. Neniu diru, ke faros aliaj sian devon. Ĉiu respondecas pri progreso kaj stagnacio.

Ĉu la pedagogiaj kongresoj diru: „Ni volis uzi Esperanton, sed ni ne trovis la helpon de la Esperantistoj!“?

En tiu speciala, eksterordinara, escepta situacio ankaŭ la SAT-edukistoj devas disponigi siajn fortojn al la bezonoj de la kongresoj en Ĝenevo kaj Helsingör.

Do per via kunlaboro zorgu, ke la demandsigno post la surskribo de tiu artikolo fariĝu simpla punkto!

Kiu volas partopreni, skribu al M. Goldberg, Im Lumbsch, Oetzsch b. Leipzig.

———

## Kongreso en Helsingör.

Gravan ŝanĝon en la programo de la kongreso kaj projekton por la Esperantistaro tre ĝojigan anoncas la lasta letero de la organiza sekretariino, sinjorino Soper-London, al TAGE:

„Ree rilatante al nia korespondado pri Esperanto-tradukantoj en nia konferenco en Helsingör ni informas vin, ke nia nuna plano estas, okazigi du prelegojn ĉiun matenon, unu tuj sekvanta la alian. Tio estas granda ŝanĝo de nia antaŭa plano, laŭ kiu devis okazi du prelegoj samtempe. En tiu cirkonstanco ne estos tempo por iuj tradukoj de ĉiuj ĉefprelegoj. Tial ni opinias plej bona, havi resumon de ĉiu el tiuj prelegoj presitan en Esperanto kaj vendatan al la membroj.

Ĉu vi povas helpi al ni per tradukoj de tiuj prelegoj en Esperanton? Ni eble povas trovi amikojn en Anglujo, kiuj volas traduki el angla lingvo en Esperanton. Sed ĉu vi povas helpi, trovi tradukantojn por la francaj kaj germanaj tekstoj? Estus ne pli ol tri aŭ kvar germanaj kaj tri aŭ kvar francaj. Ni eble povas demandi la Danan Esperanto-Societon, zorgi por la skandinavaj tekstoj. Ni havos — kompreneble — laŭvortajn Esperanto-tradukojn en la grupoj (posttagmeze), sed mi povas diri, ke ni trovos sufiĉan helpon por tio inter niaj membroj, sen komisii vin, sendi specialajn tradukantojn."

Ni tuj promesis al s-ino Soper, fari tiujn Esperanto-resumojn, kaj nomis la gekolegojn, kiuj bonvolas surpreni tiujn tradukojn. Ni petos la Internacian Laborrondon, kolekti la Esperanto-resumojn en speciala broŝuro. Tiumaniere TAGE havos unikan verkon: la unuan, kiun eldonis ne-esperantista internacia faka ligo en Esperanto.

Ni invitas la Esperanto - instruistojn kaj speciale atentigas vin pri la posttagmezaj grupaj laboroj, en kiuj servos Esperanto.

La Dana Esperanto-Asocio kaj la Esp.-Asocio de Danaj Instruistoj komisiis sinjorinon M. Noll, Kopenhago, Fredericiagade 6, la Sveda Instruista Esp.-Federacio profesoron Nils Nordlund-Kristianstad, preni sur sin aranĝon por la kongreso.

Ni Esperantistoj certe havos okazon kaj pro la laboro dum la kongreso la devon, fari Esp.-kunsidojn. Tion do aranĝu sinjorino Noll kaj prof. Nordlund.

La Svedaj Esp.-instruistoj antaŭ la kongreso aranĝos Ĉe-kursojn, gvidotajn de s-ro Morariu, 26. Julio ĝis 7. Aŭg. en Helsingborg, kontraŭe de Helsingör, se sufiĉa nombro anoncas sin. Malkara loĝejo kaj manĝejo ekzistas. Poste estas aranĝataj kunvenoj por ĉiulandaj Esperantistoj 8. ĝis 21. Aŭgusto, ankaŭ por revenantoj el Budapest. La Ĉe-kurso kostos 10 kr., kostoj por la dusemajna fakkunveno eble povas esti evitataj, por ne troŝarĝi la vizitantojn de Helsingör.

Bonvolu tuj anonci vian partoprenon en la kurso aŭ en la dusemajna Esp.-kunveno al F-ino Ebba Anderssen, Södergatan 21, Helsingborg, Svedujo.

---

## Venu al Genève

### al la Kongreso de „Mondfederacio de Edukaj Asocioj"!

**(25. Julio — 4. Aŭgusto 1929).**

Mi jam en tri artikoloj en nia gazeto atentigis pri la graveco de la kongreso en Genève. Ĝi donos al ni okazon, tre efike propagandi nian aferon antaŭ publiko kolegara el ĉiuj landoj. Se ni ne eluzos ĉi tiun, ni verŝajne ne baldaŭ havos simile bonan okazon.

Estas nepre necese, ke nia afero dum la kongreso estu reprezentata minimume per unu aŭ du lertaj esperantistaj kolegoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Ĝis nun mi n u r e l 3 l a n d o j ricevis sciigon pri partopreno. Estas ja malnova sperto, ke k u -

time niaj samideanoj anoncas sin por la kongresoj kaj venos al ili nur en la lasta momento; sed ĉi tiu kutimo, kiu jam ofte malhelpis la aranĝojn de niaj esperantistaj kongresoj, estu forigata por la neesperantista internacia kongreso en Genève, kiu donas al ni la deziritan okazon, uzi nian lingvon antaŭ neesperantista internacia publiko. Niaj gekolegoj decidos pri sia partopreno laŭ tio, ĉu venos ankoraŭ gekolegoj el aliaj landoj, sed se ĉiuj atendas, ĝis aliaj estos anoncintaj sin, tiam neniu sin anoncas.

**Mi lastfoje petas la gekolegojn, kiuj intencas viziti la kongreson en Genève, kiel eble plej baldaŭ sciigi min pri tio,** por ke mi povu informi kolegojn, kiuj demandas pri la partopreno de aliaj kaj por ke mi povu anonci ilin en la kongresurbo.

D-ro Dietterle,
Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.

*

## La kongreso de la World Federation of Education Associations

(Mondfederacio de Edukaj Asocioj) en Genève

25. de Julio ĝis 3. de Aŭgusto.

El la nova „Bulteno", en kiu la prezidanto de la World Federation, S-ro Augustus O. Thomas, parolas pri la planoj por Genève, mi tradukis liajn vortojn, kiuj certe estos interesaj por niaj legantoj.

M. Moelke,
sekr. de „Kunlaborado".

Dum la tempo de 25. de Julio ĝis 3. de Aŭgusto Genève en Svisujo estos la „Mekka" por miloj da instruistoj el ĉiuj partoj de la mondo. Tie spertaj edukistoj ĉiuspecaj havos okazon, renkonti siajn kolegojn, diskuti kun ili problemojn kaj havigi al si interrilatojn, kiuj kaj por ili mem kaj en pli vasta senco estos de daŭra valoro por niaj kunhomoj.

Planoj estas farataj por la progresigo de la ĉeestantoj kaj por tre ampleksa diskutado pri aferoj, kiuj rilatas principajn demandojn de la estonta homara bonstato. La simetria evoluo de komerconegocoj, politika regado kaj sociaj institucioj devas esti bazigita sur la edukofundamento, ĉar la estonteco formiĝos laŭ la eduko de l' infanoj de la tuta mondo. D-ro P. W. Kuo diris en la memorinda unua konferenco, kiu 1923 okazis en San Francisko: „Oni diris al ni, ke ni ne povus kunveni, ke ni estus tro implikitaj en antaŭjuĝoj, sed ni montris al la mondo, ke ni povas flankenigi niajn antaŭjuĝojn, dum kiam ni solvas niajn problemojn."

Harmonia mondo estas celo tre kore dezirinda. Eble ĝi estas la plej grava problemo de l' mondo. La „Mondfederacio" prenis sur sin la taskon, unuigi la edukajn fortojn de la mondo per la propono de internaciaj komprenemo kaj bona volo. Ĉiuj partoj de la programo rilatos ĉi tiun temon.

Multaj viroj kaj virinoj, havantaj internacian famon kaj jam farintaj internaciajn servojn, aperos sur la programo; inter ili D-ro Alfred Zimmern, unu el la gvidantaj eŭropaj edukistoj kaj gvidanto de la eduka laboro de la Ligo de Nacioj, s-ro Gilbert Murray, prezidanto de la komisiono por Intelekta Kunlaborado, s-ro M. Albert Thomas, direktoro de l' Internacia Laboroficejo kaj s-ino Mac-Kenzie, kiu distingiĝis per sia eduka laboro en Skotlando.

El la interesaj okazontaĵoj de la Ĝeneva Kongreso mi citu: la feston ĉe M. Jaques-Dalcroze, la ekspozicion de pedagogia materialo kaj de plej ŝatataj porinfanaj libroj el ĉiuj landoj, la Herman-Jordan komisionojn, specialajn akceptojn kaj la Svisan nacian festotagon.

Oni jam zorgis pri tradukantoj, por ke ĉiu havu la okazon, paroli kaj kompreni, kion parolos aliaj. La Internacia Oficejo

por Edukado faros ĉion, por agrabligi la restadon de ĉiuj kongresanoj. Ĉi tiu kvara kongreso de la „World Federation" kaj la tria dujara kunveno de nia organizacio kapablos, prezenti al la mondo definitivan materialon kaj planojn utilajn por la ĉiulandaj lernejoj. La delegitoj havos ankaŭ la okazon, konatiĝi kun la laboro de la Ligo de Nacioj kaj kun la spirito de la granda internacia urbo, en kiu ni restados.

Ĉiu ĉeestanto devus senti tion sia devo, ne nur ricevi certan profiton el la kongreso, sed ankaŭ mem kontribui ion. Ni esperas, ke ĉiu, kiu prezentos iun ajn ideon, ankaŭ ellaboros kaj transdonos ĝin al la ĉefsekretario, s-ro C. H. Williams, kiu zorgos, ke la manuskriptoj estu presotaj por la aktoj. Ni deziras prezenti en la plej perfekta formo la valorajn pensojn kaj la materialon de tiuj, kiuj volos progresigi nian aferon.

Sub la prezentotaj programoj la organizacioj de l' eŭropa kontinento kaj de la sudamerikaj landoj skribu la nomojn de siaj delegitoj rekte al fraŭlino Constance Morley, de la Internacia Oficejo por Edukado, kiu estas samtempe kongresa sekretariino. La Unuiĝintaj Ŝtatoj, Anglujo, Irlando, Skotlando, Kanado, Japanujo, Ĉinujo kaj Hindujo sendu la nomojn de siaj delegitoj kolektitajn al la sama adreso, por plifaciligi la laboron de la loka komitato por la elekto de taŭgaj loĝejoj por la delegitoj.

Mi ne povas fini ĉi tiun malgrandan raporton, ne direktante la atenton de ĉiuj nacioj al ĉi tiu granda kunveno en Genève. Kunvenigu la edukistojn de la mondo kaj prezentigu detalajn programojn pri iliaj intencoj — kaj ni povos esperi je harmonia mondo morgaŭa.

---

# Germana Instruista Kunveno en Dresden 1929.

La 22-an kaj 23-an de Majo 1929 kuniĝis en Dresden 8400 germanaj geinstruistoj, en la granda Germana Instruistkunveno.

**La delegitarkunveno**

de Deutscher Lehrerverein (Germana Instruistunuiĝo) pritraktis antaŭ la granda kunveno la demandojn pri

porinstruista instruado,
privataj lernejoj,
konkordato,
senoficaj geinstruistoj.

La rezolucioj koncernantaj tiujn aferojn postulas regnoleĝon pri porinstruista instruado laŭkonstitucia (unueca universitata instruado porinstruista),

regnoleĝon pri forigo de privataj lernejoj (laŭ leĝo de 1920 lasta templimo de forigo estis la 31-a de Marto 1929 — tamen la privataj lernejoj ĝis nun ne estas forigitaj).

Rilate al konkordatoj energia proponanto postulis rezolucion malaprobantan ĉiun konkordaton, ankaŭ se ĉi tiu ne tuŝas lernejajn aferojn, sed la delegitaro akceptis rezolucion, kiu malaprobis nur konkordaton enhavantan ordojn prilernejajn.

Rilate al enoficigo de juninstruistoj la Germana Instruistunuiĝo devis konstati, ke estas ankoraŭ nuntempe multaj miloj da katolikaj geinstruistoj, kiuj finis la porinstruistan lernadon antaŭ dek jaroj kaj ĝis nun ne enoficiĝis. La delegitarkunveno postulas denove de la regno monsubtenon por la senoficuloj.

En 1930 okazas en Kassel delegitarkunveno, kiu pritraktos la temojn: Unuecigo de regno kaj lernejo. Popola kaj porprofesia lernejoj.

En 1931 okazos en Frankfurt/Main ĝenerala Instruistkunveno, kiu pritraktos la temojn: Unueco de germana klerigo. — Mondpercepto, edukado kaj lernejo.

**La Instruistkunveno.**

Unua tago: **Ekonomio kaj lernejo.**

Rezolucio:

La ŝtato kiel leĝa organo de la popola tutaĵo devas malcedi la direktadon kaj

lastan decideblon en la eduko de la nova generacio ankaŭ al la reprezentantoj de la ekonomio. Ĝi devas energie rebati ĉiujn atakojn de „ekonomikapitanoj", kiuj volas adapti la edukadon al siaj egoistaj intencoj.

Konforme al la konstitucileĝo la germana junularo devas esti edukata al moraleco, ŝtatana lojaleco, persona kaj profesia bontaŭgecoj, ne partie al la ekonomiaj celoj aŭ laŭ la principoj de iu ekonomia tendenco.

La ekonomio havas la devon prizorgi la necesajn rimedojn al la zorgado pri spirita kulturo, precipe al laŭcela organizo de popollernejo kaj al laŭkonstitucia instruado porinstruista. La pedagogio starigas la principojn decidigajn pri la interna organizo de la instruado, sed ĝi ne ignoros la necesecon interne de la tuta eduka laboro igi la junularon bontaŭga al la plenumo de taskoj en la servo de la ekonomio.

Dua tago: **Interŝtatana kaj interpopola repaciĝoj.**

Antaŭ la grandega parolado de la sekretario de Germana Instruistunuiĝo Raeppel, salutis la kunvenintaron sub tondra aplaŭdo la prezidanto de la angla National Union of Teachers, C. W. Cowen, la reprezentanto de la franca Syndicat National, Louis Dumas kaj la prezidanto de la nederlanda Nederlandsch Onderwijzers Genootschap, De Vries.

Rezolucio: La Germana Instruistunuiĝo rigardas la popolŝtaton formo de ŝtata kunvivo, kiu garantias al ĉiuj ŝtatanoj la partoprenon ĉe la efektivigado de iliaj politikaj, sociaj kaj ekonomiaj planoj. Tial ĝi postulas, ke la publika ŝtata lernejaro elkresku el la ideo de la popolŝtato. Ĝi ne konsentas la disigon de lernejanoj laŭ posedaĵo, mondpercepto kaj religia konfeso.

Ĝi pledas por unueca kaj organe formita lernejaro, kiu havigas al ĉiu la klerigon, kiu konformas al liaj talentoj. La lernejo ne devas miksi sin en la sociajn kaj politikajn batalojn de la diversaj popolgrupoj, sed ĝi devas kulturi la sentojn de la pacemo kaj interkompreniĝo, por ke la antagonismo de opinioj ne detruu la popolan unuecon.

Same la Germana Instruistunuiĝo konfesas havi kiel idealon la penson pri paca kunvivo de ĉiuj popoloj sur la bazo de la juro, kiu devas esti garantiata konvencie ekskludante ĉiujn perfortajn agojn. La popollernejo sukcesigas la interpopolan repaciĝon akcentante la sentojn de la justo per interŝanĝo de geinstruistoj kaj gelernantoj, esploro de la lernejaj libroj kaj ĉiuj alie bontaŭgaj antaŭzorgoj, kiuj povas prepari daŭran mondpacon.

La Germana Instruistunuiĝo alvokas ĉiujn edukistojn kaj pacemulojn en ĉiuj landoj por komune labori al estigo de mondordo paca kaj justa.

Krom tiu rezolucio estas akceptita grava propono al Esperanto, propono preparita de Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj.

**Unu el la plej grandaj instruistasocioj de la mondo atestas la valoron porpacan de mondhelplingvo; ĝi rezolucias:**

**Subtenendaj estas ĉiuj klopodoj, kiuj celas la disvastigon de mondhelplingvo interne de la geinstruistaj kaj gelernantaj rondoj.**

En la oficialajn presaĵojn de la kongreso estis enigitaj flugfolio: „Mondrepacigo, internacivivo — kaj la lingvo?" kaj flugfolio: „Pri Esperanto".

**Ĉefkunveno de la Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj**

okazis interne de la Germana Instruistkunveno la 22-an de Majo en la Instruistunuiĝa Domo en Dresden. Ĉeestis krom honoraj gastoj ĉ. 100 personoj. La tagordo enhavis krom detala debato pri la ĉefa temo de la granda instruistkunveno ĝenerala: Popolrepaciĝo, du paroladojn.

La prezidanto Schneller-Leipzig priparolis la temon: Lernejo, mondpaco, mondlingvo. Li montris la gravan rolon, kiun Esperanto ludas ĉe la porpaca laboro. Kolego Degen-Leipzig parolis pri

Esperanto en la lernejo. Li prezentis al la ĉeestantaro bildon de la evoluo de la Esp.-movado dum la lastaj dudek jaroj. La tiaman mokon de gekolegoj anstataŭas hodiaŭ aprobo, multe da aŭtoritatoj tiam ironie rifuzintaj hodiaŭ faras amikan subtenon. La geinstruista Esperantistaro estas organizanta sin, havas sian propran fakorganon. En 51 landoj anoncas sin kiel Esperantistojn 4200 geinstruistoj, anoncas sin en 34 ŝtatoj 800 lernejoj, kiuj instruas Esperanton (IALA-statistiko). La grandaj instruistinternacioj estas rezoluciantaj pri provoj kaj esploroj farotaj rilate la uzadon de mondhelplingvo.

Pro sukcesigo de la Esp.-instruado lerneja nova lernlibro anstataŭonta la libron de Streidt estos verkata nome de la Esp.-Asocio de Germanaj Instruistoj de kolego Degen-Leipzig.

La ĝisnuna estraro de la asocio estas reelektita. Schneller-Leipzig.

---

# Pri novaĵo en lerneja laboro en Soveta lernejaro.

En 1929 nia lernejo provas novan vojon en sia antaŭenirado.

Soveta registaro nunjare elĵetis devizon „Suprenleviĝo de rikolteco de niaj kampoj je 35% dum 5-jara templimo". Tiu daŭra entrepreno estas sekvo de grena krizo en USSR dum lastaj jaroj. Tiu tasko nuntempe penetras cerbojn de ĉiuj sovet-organizaĵoj, sciencaj societoj, kulturklerigaj oficejoj kaj simple kleraj homoj. Dum tri lastaj jaroj soveta socio ne havis pli grandan taskon ol tiu. Oni turnis atenton al agronomio, agronomo kaj kamparana lernejo.

Lernejoj travivas nun agrokulturan revolucion. Oni okazigas multajn konferencojn, kunvenojn de ĉiufakaj instruistoj, sur kies tagordo ĉiam estas gravega demando pri agronomizo de nia lernejo. Kiamaniere tiu agronomizo estas realigata?

1. Ĉiu vilaĝa lernejo enkondukos en sian jaran laborplanon specialan temon (komplekson) „Suprenleviĝo de rikolto en nia vilaĝo". Por bone tralabori ĉi tiun temon, ĉiu lernejo devas trastudi lokan kamparan mastrumon, trovi ĝiajn malfortajn flankojn, konstati ĝiajn perspektivojn, kaj sur bazo de tiu studado plani siajn taskojn kaj celi ilin plenumi, por ke post 5-jara templimo rikolteco de kampoj, legomplantejoj, ĝardenoj ktp. en tiu aŭ alia loko suprenleviĝu je 35%. Ĉi tiu laboro de lernejo devas moviĝi samtempe kun simila laboro de ĉiuj vilaĝoj. Devas esti unu plano, unu konsento kaj unu volo.

2. Ĉiu lernejo, kiu ankoraŭ ne havas terpecon por agrolaboro devas ricevi ĝin en plej malgranda tempo.

3. Estas necese aranĝi somerajn laborojn de lernantoj en apudlerneja terpeco (t. n. somera lernejo).

Mi projektas jenon en mia lernejo vilaĝa dum printempo 1929:

1. Prilabori kun lernantoj agronomiajn demandojn pri sortimento de cerealsemoj kaj partopreni en tiu laboro en vilaĝo; pri altkvalitaj semoj, pri frua plugado de kampo, ktp.

2. Sur apudlerneja terpeco aranĝi fruktarban lernejeton, por disvastigi inter vilaĝanoj pli bonajn specojn da ĝardenarboj.

3. Aranĝi bedaron por novaj specoj de legomplantejoj kaj disvastigi ĉi tiujn specojn per lernantoj inter vilaĝanaj familioj.

4. Aranĝi eksperimento-semadon de altkvalita sunfloro sur terpeco (nia ĉefa kreskaĵo).

5. Aranĝi eksperimenton kun aplikado de kemiaj sterkoj (en Rusio malofte oni uzas ilin).

6. Aranĝi per fortoj de lernejo esploradon de ekĝermeco de niaj cerealsemoj por tuta vilaĝo.

7. Laŭ tiuj laboroj, mi aranĝos multajn klarigojn en kunvenoj de gepatroj kaj vilaĝanoj. A. B. Ŝatalov. (El TEPS.)

## Novaĵo pri Kongreso Budapest.

S-ro Andreo Ĉe skribas al ni:

„Mi havas la plezuron, komuniki al TAGE gravan sukceson: La urbestraro de Budapest aranĝos internacian Esperanto-kurson por geinstruistoj. Aranĝos la Budapeŝta Pedagogia Seminario, kaj la urbo per subvencio gastigos la kursanojn: 30 gekursanoj estos senpage en Budapeŝto dum la tuta kurso: 22. Julio ĝis 2. Aŭgusto.

Kompreneble ni tute ne volas per nia kurso malutili al via varbado por la Ĝeneva instruista kongreso, kaj mi esperas, ke tio tute ne okazos. Ekzistas ja tiom da centoj da esperantistaj geinstruistoj. Kaj krome nia kurso estos farata ĉefe por ne-esperantistaj geinstruistoj."

---

## Imitu, instruistoj!

Granda lernejpalaco en antaŭurbo de l' rejnlanda metropolo. Multajn similajn vi povas trovi en la urbego Köln. Kun aro da gekolegoj tie instruadas rektoro Simons jam de multaj jaroj je plena kontento kaj aprobo de kritikema estraro. Neniel eksterordinara fakto! Sed tamen, io eksterordinara okazas ĉiun tagon en la klaso de rektoro Simons, io, pri kio la gekolegoj parte ridetas, parte grumblas pro malbone uzata tempo, parte diskutas pri la „tutcerta malsukceso", io okazas, pri kio la estraro „oficiale" ne scias, al kio ĝi almenaŭ oficiale ne donis la permeson: Sinjoro Simons instruas Esperanton.

Tre saĝe li scias aranĝi ĉi tiun instruadon, sen malutili la oficialajn fakojn, sen altiri la kritikon aŭ eĉ la malkontenton de l' estraro: de ĉiu instruhoro li elŝparas kelkajn minutojn, ĉiun liberan kvaronan horon, ĉiun disponeblan minuton li uzas por Esperanto-instruado, por instigi kaj varmigi siajn knabojn por la granda ideo, paŝon post paŝo li enkondukas ilin en la regulojn de l' gramatiko kaj tiamaniere li en la daŭro de nur du jaroj kapabligis ilin por sufiĉe perfekta uzado de la lingvo. „Multaj malmultoj estas unu multo", li rifutas la dubemulojn, kiuj moke ridetas pri tia „pominuta" instruado kaj „pokulera dono de l' Esperanto-medikamento".

Sed kreskis la semeroj, maturiĝis la fruktoj, rekompenciĝis la penadoj de l' instruisto kaj la fervoro de la lernantoj. Venu kun mi kaj mem aŭskultu!

La lasta lerntago antaŭ la ferioj, la antaŭlasta lerntago entute por la lernantoj de rektoro Simons, ĉar morgaŭ ili forlasos por ĉiam la lernejon. Kun alia samideano mi estis de ili invitita al Esperanto-festeto, kiun ili aranĝis je ĉi tiu okazo. „Sed ne diru ion al nia instruisto," petis la petoluloj, „ni volas lin surprizi."

Esperanto-festo, mi pensis, aranĝita de dekkvarjaraj knaboj, sen ia fremda helpo, sen scio de l' instruisto? Nu, oni ja vidos.

La klaso nin atendas en la bele ornamita lernĉambrego. Ĝojo kaj atenta streĉo sur ĉiuj vizaĝoj, ĝojo precipe pro nia apero, pro tio, ke ni „plenkreskintaj esperantistoj" honorigas la feston per nia partopreno.

„Ni komencu", diras la instruisto, kiu nun estas informita pri la okazontaĵoj. La vorto sufiĉas. La flustrado ĉesas, momento de atenta silento kaj nun la unua surprizo.

„Ni volas preĝi en Esperanto."

Klarvoĉe diras tion la instruisto kaj laŭte kaj devote eksonas la belaj vortoj de l' „Patro nia" de kvardek junaj lipoj.

Ekstaras nun la juna festgvidanto. En perfekta Esperanto li bonvenigas nin, petas pardonon de l' instruisto pro la „revolucio", ŝercdiras, ke por hodiaŭ la instruisto estas eksigita kaj deklaras la intencon kaj la sencon de l' aranĝo. Kun granda entuziasmo oni nun kantas la Esperanto-himnon, sekvas deklamoj, kantoj kaj la tre bone verkita festparolado, en kiu la juna parolanto esprimas la dankon de la tuta klaso por la valora donacaĵo, kiun donis al ĝi la instruisto per la Es-

peranto-instruado. Kun ĝenerala aplaŭdo li petas, ke la instruisto ankaŭ estonte restu ilia gvidanto kaj helpanto en la Esperanto-movado. Kortuŝite la instruisto respondas kaj promesas ĉiun subtenon.

Ĉio, mi devas konfesi, ĉio ĝisdetale estis bone elpensita, preparita, aranĝita kaj prezentata en tre bona Esperanto. Oni nun ja povas pensi, ke tio estis nur la reprodukto de bone lernita parkeraĵo, sed, aŭdu, venas nun la dua surprizo: la diskutado pri la estonta Esperanto-vivo de l' junaj knaboj. Ankaŭ nin ili petis partopreni. Alternis klarigoj, proponoj, demandoj, respondoj, kontraŭproponoj, same kiel en grava kunsido de plenaĝaj viroj, ĉio en bona ordo kaj en bona Esperanto. Tute serioze oni pritraktis la aferon.

Granda estis la entuziasmo de l' junaj samideanoj, granda ilia fiero, granda la ĝojo kaj la kontento ĉe instruisto, lernantoj kaj ne laste ĉe ni, la gastoj.

Jes, kun plena rajto diris mia kunulo: „Belajn horojn ni travivis, bonan memoron ni retenos por ĉi tiu Esperanto-klaso; se estus tiel ĉie en la lando, tre baldaŭ la finvenko estus nia".

Instruistoj, nun vi havas la parolon.

Chr. Thoma, Köln-Deutz.

---

# Internacia Junul-tendaro sur la kastelo Freusburg

**5—12 aŭgusto 1929.**

**Celo de la tendaro:** Liberigo de la individuo de penoj kaj zorgoj de la ĉiutaga vivo. Trankviliĝo, pliklariĝo, ĝojo en la rondo de samideanoj. Plifortigo de la volo per ekzemplodonanta, laŭsenca, simpla, frateca kunvivado. Komuneco trans la limoj de la grupoj, partioj kaj landoj, ekkonante la komunajn taskojn en nacio kaj homaro, en pliprofundigita amo al homoj kaj naturo, en preparo de la estonta Mondligo de la Junularo.

**Taga programo:** 6 h. vekado; poste gimnastiko kaj bano.

8 h. matenmanĝo.

9—12 h. parolado, laborrondoj, diskutado.

12 h. tagmanĝo, poste libertempo.

15—19 h. sendeviga komuna vivado, migradoj.

18.30 h. vespermanĝo, poste vespersoleno.

Post 21.30 h. trankvilo.

**Loko:** Junulara kastelo Freŭsburg, stacio Kirchen (fervoja linio Betzdorf—Siegen—Hagen) aŭ Betzdorf (linio Köln—Betzdorf).

**Dato:** Alveno je la 5-a de aŭgusto, fino je la 12-a.

**Partoprenantoj:** Gejunuloj ĉiulandaj kaj pli aĝaj amikoj.

**Lingvo:** Nacia lingvo de la parolanto aŭ Esperanto. Traduko en Esperanton, aŭ germanan, anglan kaj francan lingvojn. Ĉiutaga Esperanto-leciono troviĝos sur la programo.

**Tendara kutimo:** Sen alkoholo, tabako kaj viando. Ĉe gimnastiko kaj bano kostumo.

**Dormado:** En simpla lito (matraco, kovriloj, kusenoj) en la dormoĉambregoj de la kastelo („Jugendherberge"). Laŭ deziro loĝigo en unuopaj ĉambroj privataj. Loko por tendoj.

**Nutrado:** Ĉiutage tri manĝoj el la kastela kuirejo. Por tiuj, kiuj preferas memnutradon aŭ krudnutraĵon, vendejo kun fruktoj kaj plenvaloraj nutraĵoj. Komuna kuira servo sub fakula gvido. Kunportu manĝopoton ktp.!

**Kostoj:** Unufoja kotizo, 4 RM, dormado po nokto 0.55 RM (privata ĉambro 1.50 RM), nutrado po tago 2 RM.

**Ekspozicio:** En la kastelo troviĝos ekspozicio (vendejo) de vestoj kaj ŝuoj, keramiko, artaj objektoj, manfabrikitaj muzikinstrumentoj k. a., en la librovendejo estos elmetataj libroj kaj broŝuroj de la junulara kaj paca movado.

**Kondiĉoj:** Povas partopreni ĉiu, kiu havas la volon kaj disciplinon vivi en la komuneco de la tendaro. Aliĝo okazu

laŭeble ĝis la 1-a de aŭgusto. Sendu ĉikunan aliĝilon, aldonante 1.— RM en poŝtmarkoj (el eksterlando 4 Internaciajn Respondkuponojn).

**Estraro:** Jacques Demarquette, Hedwig Eichbauer, Paul Honigsheim.

**Adresoj:** por Germanujo: Ernestine Koch, Lorchhausen, Rheingau; por aliaj landoj: Hedwig Eichbauer, Hamm a. d. Sieg.

---

## Radio.

**Sendstacio Leipzig-Dresden** (MIRAG = **Mi**tteldeutsche **R**undfunk **A. G.**).

D-ro Dietterle finos sian ciklon de paroladoj pri la temo: „Laboro kaj ideoj de D-ro Zamenhof" la 28-an de junio kaj poste, la 12-an de julio, je la kutima tempo, li parolos pri la venontaj internaciaj kongresoj de ĉi tiu somero.

Sekvos — dum kaj post la tempo de la diversaj kongresoj — paŭzo. MIRAG daŭrigos siajn Esperanto-prezentaĵojn, komencante la 23-an de aŭgusto novan ciklon, regule ĉiun dekkvaran tagon, (do: 23-an de aŭgusto, 6-an kaj 20-an de septembro, 4-an kaj 18-an de oktobro ktp.) vendrede, je la 18.05—18.20 h.

---

## Interesa eksperimento sur lingva kampo.

Ĉe la Komercista Esperanto-Asocio Dresden (Oficejo Radebeul) sciigo el Parizo estis alveninta, ke en Francujo ofte prospektoj kaj aliaj reklamiloj de Germanaj firmoj, inter ili ankaŭ kelkaj Dresdenaj, estas disdonataj, kiuj estas verkitaj franclingve tiel malperfekte, ke ili efikas ridige kaj parte estas nekompreneblaj por la fakulo. Por atingi propagandan efikon estas rekomendinde, ke tiaj reklamiloj destinitaj por certaj fakoj kaj profesiaj specoj estu farataj en la lando mem, se eble per helpo de fakuloj. Nun la Komercista Esperanto-Asocio organizis senperan traduko-servon kune kun la societo „Esperanto et Commerce", Parizo, kiu interrilatas kun la Pariza Foiro. Prove sufiĉe longa ekonomia raporto kun malfacila teksto tiuvoje estas esperantigita kaj de la Parizaj esperantistoj tradukita el Esperanto francen. Rezultis ĉe la komparo kun la germana teksto, ke la franca traduko estis tute laŭsenca kaj laŭvorta. Je la sama maniero la supre nomita asocio povas pretigi tradukaĵojn el 45 naciaj lingvoj — evidenta pruvo de la utileco de Esperanto por la komercisto.

---

## Gekolegoj, atentu!

**En la bela urbo Dresden okazos je Pentekosto 1930 la 19-a Germana Esperanto-Kongreso.**

En ĝia kadro estos aranĝataj **kunvenoj de la Germana kaj Saksa Esp.-instruistaro,** tiel ke por ĉiuj gekolegoj germanaj kiel alinaciaj la vizito estos interesa. Sed plej valora fariĝos la vizito de Dresden kun ĝia kongreso pro tio, ke la kongreso okazos en la **Internacia Ekspozicio de Higieno,** efektiva mondekspozicio de ĉio, kio rilatas al la higieno de la homo kaj de ĝia ĉirkaŭaĵo, ke ĝi donos okazon por vizito de la nova **Germana Higieno-Muzeo,** kaj de la aliaj gravegaj Dresdenaj vidindaĵoj kaj por ekskursoj en la belegajn montar-regionojn ĉirkaŭ la saksa ĉefurbo. **Do ĉiu, kiu iel povas ebligi tion, anoncu sin plej baldaŭ por tiu ĉi kongreso** kaj sendu la kotizon de 6 RM al la LKK, Dresden-A., Waisenhausstr. 20. Atentu, ke la **unuaj cent aliĝantoj** ricevos artan memoraĵon pri la kongresurbo, kaj ke jam antaŭ la dissendo de la aliĝiloj anoncis sin sufiĉa nombro de kongresanoj — do ne perdu tempon! **Venu Dresdenon — koran bonvenon!**

---

## Raporto pri IPR kaj TAGE 1929.

Por ke la gekolegoj kunvenantaj en la internaciaj kongresoj Ĝenevo, Helsingör, Budapest kaj Leipzig havu eblecon, dis-

kuti kaj kritiki la administradon de IPR kaj TAGE, ni prezentas al la legantaro mallongan raporton pri 1928.

La kaslibro, reviziita de la grupo Leipzig, montras elspezon de 3451,45 RM kaj enspezon de 3584,98 RM, do kasenhavon de 133,53 RM.

Kiel malprecize Esperantistoj plenumas siajn devojn, montras la fakto, ke hodiaŭ ankoraŭ ne estas pagitaj ĉiuj abonoj al IPR por 1928. La grupo Leningrad-Sovetio eĉ ankoraŭ ŝuldas 46,53 rbl. = 93 RM el la jaroj 1926 kaj 1927! (Mi tre akre riproĉis al tiu grupo. Tri diversaj sekretarioj promesis sendi la monon kaj eĉ mendis novajn abonojn. Sed ĉiam post tiuj promesoj ĉesis la interrilatoj. La lasta promeso de k-do Efiŝev de 26. 9. 1928 ankoraŭ atendas sian plenumon kaj mia pk. de 1. 10. lian respondon!)

1928 ni presigis 176 paĝojn (inkl. la kovrilpaĝojn) en 7 kajeroj por 2341,97 RM. 9000 kovertoj (por ekspedado) kostis 110,80 RM, poŝt-elspezoj 495,57 RM, du skribmaŝinoj (redaktoro kaj administranto) 280 RM, flugfolioj 92,64 RM, diversaĵo 130, 47 RM.

En la enspezoj troviĝas jenaj eksterordinaraj sumoj: 500 RM de IALA-Kunlaborado por la speciala IALA-kajero 4/5, kiu eliris en kvanto de 4000 ekzempleroj, 353 RM de Internacia Eduka Oficejo por la speciala n-ro 8, 336 RM de la redakcio de Vojo de Klerigo por ekspedo de la resumfolio (en la jaroj 1926 ĝis 1928), 186,50 RM de IALA por 450 ekzempleroj de n-ro 4/5, 50 RM de Kongreso Leipzig de Internacio de Eduklaboristoj por tradukoj kaj elspezoj por la Internacia Ekspozicio, 50 RM por peritaj libroj, sume: 1475 RM. Per abonkotizoj ni enspezis 2110 RM. Laŭ la stato de 800 abonantoj (anoncita en n-ro 11/12) niaj enspezoj per kotizoj devus esti 2400 RM. El la diferenco montriĝas parte, ke mankas ankoraŭ kelkaj pagoj, kaj aliparte la diferenco klariĝas el tio, ke ĉiuj negermanaj asocioj kaj agentoj ĝuas rabaton de 10 aŭ 20% por iliaj elspezoj. La ekstergermanaj asocioj konsideru, ke la granda germana asocio kun ĉ. 500 membroj prenas neniun rabaton, sed pagas plenan abonon. Por la specialaj asocioj laboroj ĝi postulas kaj ricevas de siaj nombroj unu pluan markon. Estas dezirinde, ke la ne-germanaj asocioj iom post iom fortiĝu, rezignu la esceptan preferan rabaton kaj pagu kiel la germana la plenan abonon.

Pro la sama diverseco inter pagoj de ne-germanaj kaj germanaj abonantoj ni ne plu postulas specialan kotizon por TAGE. La TAGE-kotizo siatempe ĉiam devis esti uzata por la gazeto. Do la germanoj, kiuj laŭ sia statuto estis ĉiuj membroj de TAGE, pagis efektive 3 RM por la gazeto, kaj multaj ne-germanoj, kiuj ne aliĝis al TAGE, nur 2.50 RM, post rabato eble eĉ nur 2 RM! Bedaŭrinde estas malfacile, denove postuli 1 RM por TAGE krom la abono de 3 RM. Sed post plia kresko kaj firmiĝo de IPR tion ni devas fari. Tiam estos membro-abonantoj, nur-abonantoj kaj nur-membroj. Hodiaŭ TAGE ja nur estas alia nomo de la IPR-abonantaro! Sed estas kelkaj SAT-instruistoj, kiuj volas esti abonantoj de IPR, sed ne membroj de TAGE, ĉar TAGE laboras en la neŭtralaj FIAI, Mondfederacio kaj Internacia Laborrondo. Certe tiu maniero de TAGE ne estas tute korekta kaj ankaŭ kaŭzis kritikon (Boubou en La Nova Epoko, Majo 1929), ke per tio estas kompromitataj la membroj de Edukintern. Des pli ni rapidu, denove enkonduki specialajn TAGE-kotizojn kaj tiel organizi efektivan TAGE-on.

Niaj legantoj konas la laboron de TAGE en la internacia instruistaro kaj en IALA-Kunlaborado. Pri tio vi ne bezonas ripetojn. Ĉi tie ni nur konstatu la ĝojigan fakton, ke en la jaro 1928 nia rondo kreskis de 630 ĝis 800 abonantoj.

Pro nia laboro en la neŭtralaj internaciaj instruistaj asocioj subite ekaŭdiĝis

la averto: Krizo en la Edukista Esperanto-Movado (Boubou en La Nova Epoko, Nov. 1928), kiu alvokas la edukistojn de SAT kaj Edukintern, ne partopreni la neŭtralan laboron de TAGE sed anstataŭe koncentrigi la fortojn de la avangarduloj al konstruo de edukista sekcio de SAT, t. e. Esperanto-sekcio de Edukintern. Principe mi konsentas la opinion de k-do Boubou, mi nur bedaŭras, ke la sekvo estos grava danĝerigo de TAGE kaj de la tre esperiga stato de niaj laboroj. Pro tio estas dankinde, ke Boubou akcentas, ne batali kontraŭ TAGE, sed subteni IPR. Kaj mi tre petas, ke la SAT-edukistoj ne forlasu nian movadon en tre grava situacio, sed krom helpi vian specialan organizon (al kiu mi ja ankaŭ apartenas kiel membro de SAT kaj Edukintern), ankaŭ helpu la efektivigon de nia komencita gravega propagando. En la nuna situacio ni Esperanto-instruistoj amike kaj s i n c e r e helpu unu la alian, kiam temas pri klopodoj por Esperanto en iu instruista rondo. Hodiaŭ ni bezonas la forton de unueco, ne de blinda, sed tre celkonscia unueco.

Tia unueco eĉ havas ekzemplon en la organizo de la ĝenerala instruistaro mem. La instruistoj ne pure estas organizitaj laŭ partioj. Ekzemple en Leipzig (tion konstatos la kamaradoj, kiuj venos al la SAT-kongreso), en Saksio, en Germanio, komunistoj kaj socialdemokratoj apartenas al la neŭtrala Germana Instruista Asocio kaj per ĝi al la neŭtrala FIAI, kvankam en Germanio ankaŭ ekzistas Ĝenerala Libera Instruista Asocio. Komunista instruisto eĉ kritikis kaj malaprobis la eliĝon de 3 socialdemokrataj instruistoj (parlamentanoj) el la neŭtrala Saksa Instruista Asocio. Verŝajne en Francio tiu organizformo estas alia. Sed laŭ tiu praktika ekzemplo ankaŭ la neŭtrala TAGE havas vivorajton.

Ĉu vi konsentas tion aŭ ne — ni nepre konservu amikan kaj celkonscian unuecon, ĝis iu instruista asocio internacia en kongresoj aŭ gazeto aplikas Esperanton. Ni ankaŭ ne estu ambiciaj, kiu asocio estu la unua.

Pri la nova organizo de TAGE (proponita en la Saksa ĉefkunveno, aperigita en n-ro 11/12, 1928) diskutu la TAGE-fakkunvenoj en Helsingör, Ĝenevo, Leipzig kaj Budapest, decidu kaj transdonu proponojn por la TAGE-estraro al la Laborkomitato (sekretario):

a) prezidanto, kiu en sia distrikto zorgu pri 2 vicprezidantoj daŭre kunlaborantaj (nun k-o Neuzil-Olomouc);
b) redaktoro de IPR (nun D-ro Riedel, Dresden);
c) sekretario de TAGE (nun Goldberg, Oetzsch);
d) administranto de IPR (nun k-o Kröber, Riesa);
e) laborkomitato en la distrikto de la sekretario (rig. n-ron 2/3 1929, pĝ. 40!);
f) direkta komitato el minimume 5 diversnaciaj membroj (ĝis nun preskaŭ ne funkciis).

Personoj por b)—e) estas elektitaj de la komisiita Saksa Asocio, sed la internaciaj kunvenoj konfirmu ilin aŭ proponu aliajn.

Hodiaŭ ni TAGE-anoj kunvenas en 4 diversaj lokoj. Tio estas malfacila afero por nia juna kaj ankoraŭ malforta asocio. Sed ni salutas tiun fakton kiel signon, ke nia movado enpenetris en la internacian instruistaron kaj la pedagogiaj asocioj bezonos nin. Ni Esp.-instruistoj ne nur esperu tiun staton, sed laboru por ĝi per ĉiuj koncentrigitaj fortoj.

Goldberg.

**TAGE-kunveno en Budapest.**

1. Salutoj de la diverslandaj delegitoj.
2. Raporto pri TAGE kaj IPR.
3. Organizado de gekolegoj esperantistaj hejme kaj en TAGE.
4. Instruado de Esperanto en la lernejoj — organizo kaj metodoj.
   Aŭ lernejaj reformoj kaj Esperanto.
5. Liberaj proponoj. Neuzil.

## Germanaj Abonantoj!

La kompleta adreso por viaj pagoj estas: **„Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer“, Girokasse Leipzig-Leutzsch, Girokonto 27857.**

**Esp.-Asocio de Saksaj Instruistoj.**

**Kasa afero.**

Mi petas niajn anojn, kiuj ne pagis ĝis hodiaŭ, nun sendi sian jaran kotizon por 1929, ĉar mi urĝe deziras plenumi niajn financajn devojn al „Tage“ (I. P. R.!) kaj al Esp.-Asocio de Germ. Instr.

Mi tre ĝojus, se oni (memvole kaj unufoje) aligus kvinan markon por subtenado kaj fortigo de nia propagandokaso. En tiu senco mi dankas ĉiujn anojn, kiuj sendante sian kotizon, mem altigis ĝin je unu marko.

K. Schönherr,
kasisto

Kontoj: Poŝtĉeko Dresden 112 617, Ĝiro Dresden 30560.





**La venonta numero aperos la 15-an de septembro.**

## Interŝanĝo de kolegoj.

Otto Apelt, **Frankfurt a. d. O.**, Marienstr. 2 II, akceptas kolegon aŭ koleginon el Anglujo aŭ Francujo por unu ĝis 8 semajnoj en la tempo de 1. 8. ĝis 30. 9. 1929. Ĉambro 1.— RM por ĉiu nokto. Manĝaĵojn prizorgu mem. Mi deziras lingvointerŝanĝon.

Mi demandas francajn kaj anglajn gekolegojn: Kiu akceptus min sub similaj kondiĉoj en Julio 1930?

P. Glöckner, studkons., **Pirna-Co.**, Germanujo, Damaŝkestrato 24, deziras korespondi kun komercinstruistoj. Liaj 10 gelernantoj 15—17-jaraj deziras korespondadon kun samaĝaj geknaboj. Pri respondo mi nepre garantias, ĉar mi konas la ĉagrenon pro nerespondo.

**Ne prokrastu vian reabonon! Ne forgesu la alsendon de via kotizo! Kiu ne pagas baldaŭ, ne plu ricevos la gazeton.**

# Bonvolu atenti, gekolegoj!

**Sendu plej eble baldaŭ viajn kotizojn!**

Depost la unua de januaro 1929 la abonantoj el jenaj landoj povas pagi siajn kotizojn **per poŝtĉeko:** Jugoslavio, Saarteritorio, Danzig, Belgio, Danujo, Francujo, Letlando, Nederlando, Aŭstrio, Svedujo, Svislando, Ĉeĥoslovakio kaj Hungarujo.

**Administrejo: Karl Kröber, Weststr. 4/II, Riesa, Germanlando**
Postscheckamt: Dresden 110715.

## Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS)

estas racia utiligado de kolektiva korespondo inter geinstruistoj el tutmondo por esperanta kaj nacilingva gazetaro.

Sendu ĉiumonate artikolon pri vialandaj lernejo kaj instruistaro; ĝi nepre aperos en TEPS-Informilo 16-paĝa, kiun vi ricevos tute senpage.

Turnu vin al Marcel Boubou, 96 rue Saint Marceau, Orléans (Loiret) Francio.

**Ne ĉiu esperantisto povas konsenti kun la enhavo de**

# La Laborista Esperantismo

## de E. Lanti

sed ĉiu devas legi ĝin kaj havi en sia biblioteko por esti informita pri la laborista esperanta movado kaj **Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT).** 40 paĝoj. 0.40 germ. mk. afrankite. Mendu tuj ĉe

**R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27, Germanlando**

Petu nian SAT-katalogon.

**Simplaj korespond-anoncoj senkostaj — por abonantoj de IPR kaj por viaj kursanoj!**

Preso: Heroldo de Esperanto, Köln, Brüsseler Str. 94, Germ.